BIBLIOTEKO DE LA
"SOCIETO INTERNACIA
DE ESPERANTISTOJ". N:O 1. PREZO 10 CENT.



# LA PIA MENSOGO.

TRADUKITA

EL LA LINGVO NORVEGA

DE

J. J. SÜSSMUTH.



SOCIETO INTERNACIA DE ESPERANTISTO[illegible]

SÖDERTELGE, SVE[illegible]JO.

iboj
entre-
s ankoraŭ
malgranda

Esp.

Donaco de Sirjaev, Baklanka

*Antaŭparolo al la "Biblioteko de Societo internacia de esperantistoj"*

Unu el la ĉefaj celoj de la S. i. d. e. (Societo internacia de esperantistoj) estas la eldonado de »Biblioteko». La konstanta kreskado de la literaturo de Esperanto estas la plej bona atesto pri la taŭgeco kaj uzebleco de nia komuna lingvo internacia. Ĝis nun la alkresko de la tuta literaturo esperanta preskaŭ nur kuŝis en la manoj de privataj porsonoj, kaj bonaj intencoj je eleldonado de libroj ofte nur restis intencoj, pro la cirkonstanco ke al la verkanto tro multe malhelpis la malfacila disvastigo de la verko. S. i. d. e., kiu volas ligi la esperantistojn en unu tuton, laboros por atentigi la librejistoj je nia literaturo, kaj, kiam ĝi estos ricevebla ĉie, tiam oni ĝin aĉetos, kaj tiam ĝi plenumos da celon, kiu estas al ĝi definita. Kiel laŭ natura leĝo ĉio per unuiĝo povas venki, ankaŭ ni volas unuiĝi kaj unuanime laboradi por la prigrandiĝo de nia literaturo, — la interna beleco de nia kara lingvo.

La »Redakcio» de la nove fondita biblioteko zorgados precipe, ke la elvenontaj verkoj estu, laŭ siaj temoj, bone ordigataj kaj ke post rakontoj sekvu ekzercadaj, amuzantaj, instruantaj aŭ originalaj, precipe la lastaj estos preferataj, tiel ke la societo iom post iom povos prezenti al sia membraro legindajn librojn, facile akireblajn por ĉiu. Tio estis deziro de multaj kluboj kaj ĉiuj esperantistoj salutos kun ĝojo tiun-ĉi entreprenon nun komencitan. La unua kajero estas ankoraŭ malgranda rakonto, sed ĉio devas unue esti malgranda

700773-B. Esp.

por fariĝi granda, tiel ankaŭ nia biblioteko baldaŭ eldonos pli grandajn verkojn por la serioza leganto.

Estu tiu-ĉi nia nova entrepreno al la bono de nia kara lingvo kaj ne estu ni trompataj de niaj amikoj por la konfido je helpo, kiun ni bezonas por plenumi la grandan programon, kies efektivigo ni hodiaŭ komencas.

Södertelge en Septembro 1901.

*La Redakcio*
de la Biblioteko de S. i. d. e.



## *La pia mensogo.*

»Patrineto, kie estas la patro? Kial mi ne havas patron? Ĉiuj knabinoj en la lernejo havas tian; sed mi havas nenian. Ili mokas min kaj demandas min pri li. Kie li estas, patrineto? Lasu min iri al li aŭ li venu al ni.»

La knabineto staras kun larmoj en la okuloj kaj sur la vangoj, kaj energie ekfrapetas per sia piedeto je la malnova kaj uzita kudromaŝino, ĉe kiu ŝia patrino sidas laborante. Tuj ŝi finas sian kudradon vidante la ĝemantan infanineton. Ho, kion ŝi suferas dum la ĝemado de l' amata filineto. Sed, kion ŝi respondu? Ke la patro estis malbonkora je ŝi kaj la infanino, ke li ilin forlasis en mizero, kaj ke ŝi povas esti feliĉa, ke tiu drinkemulo, kiu ŝin turmentis, forestas. Ŝi pensis kaj pensis, sed povis neniom trovi. Kion ŝi diru? En la biblio ja staras: »Vi estimu vian patron kaj patrinon», kaj nun ŝi ekvokus malĝojon ĉe sia infanino.

Neeble. — Ne por ŝirmi la viron, ne, nur por ne ekvoki malbonajn pensojn en la infana animo. Ŝi metis ŝian vizaĝon en la manojn kaj ekploris, ke la malgrandulineto timiĝis. Ŝi ja konis nur la ĝojan kaj ridetantan patrinon.

»Patrineto, vi ne ploru,» petis la knabineto.

La petanta, infana voĉo ektuŝis la koron de la patrino; rapide ŝi formalsekigis la larmojn kaj ridetis je la infanino. Estis malfacila, ĉagrena rideto, sed la malgrandulino tion ne vidis. Ŝi nur estis feliĉa vidi la patrinon ĝoja denove kaj diris:

»La sinjorino en Kjälderen ankaŭ ofte ploras, ĉar ŝia edzo forestas. Ĉu li mortis, patrineto?

»Jes, karulineto».

»Patrineto, ĉu nia patro ankaŭ mortis, ĉar li neniam venas al ni?

»Hm . . . jes, jes, li mortis», respondis malfacile la malfeliĉulino.

Ŝi ne parolis malveron. Por ŝi kaj ŝia infano li mortis, li estas mortinta por ĉiam.

»Sed ĉar la patro mortis, li devas havi tombon, ĉu ne vere, patrineto?

»Jes, infanineto».

»Vi iru kun mi. Mi volas vidi lian tombon.»

»Jes, morgaŭ.»

»Ne, hodiaŭ, patrineto; la suno brilas kaj la tombo estus tiel bela».

Kaj ŝi petis longtempe, ĝis la patrino prenis sian plej bonan jupon kaj iris sur la tombejon por serĉi tombon, kiu nenie ekzistas.

Timete iris la infanino ĉe la flanko de l' patrino tra la sentona tombejo kun la belaj monumentoj kaj odorantaj floroj.

Veninte al senornama, duone enfalita tombo, la patrino ekhaltis.

»Ĉu la patreto ĉi-tie dormas, patrineto?

La bedaŭrinda virino jesigis.

»Patrineto, ĉiuj aliaj havas florojn. Ĉu nia patro ne amis la florojn»

»Jes, infanineto, li tion faris», kaj ŝi senteme premis la malgrandulinon je sia koro.

»Patrineto, ĉu mi preĝu?»

»Jes, faru tion, amatulineto.»

Ŝi kunmetis la manetojn kaj laŭte kaj pie preĝis la »patro-nia'n»; kiun ŝia patrino ŝin instruis.

Ekmallumiĝis kaj la infanino prenis branĉeton, kiu kuŝis sur la tero, plantis ĝin en la tombon kaj vole akompanis la patrinon hejmen.

La sekvinta posttagmezo kuras la knabineto, anstataŭ ludi, al la tombejo. Ŝi preteriras la multajn belegajn tombojn kaj fine trovas la ĝustan. Ŝi ĝin rekonas per la branĉeto. Ŝi forigas ĉiujn velkintajn florojn kaj foliojn, rekuras iom, ekŝiretas tiom da floroj, kiom ŝi povas porti, kaj rapidas al la tompo.

Samtempe ŝi sentas fortan manon sur siaj ŝuldroj. »Vi malgranda ŝtelistino! Kion vi faras?» kaj ŝi vidas bastonon levite je ŝi. Sed la maljuna tombej-observisto certe legos ion mirindan en tiuj-ĉi infanaj okuloj, ĉar li ŝin lasas kaj diras malpli severe:

»Kion vi volas kun la floroj?»

»Meti ilin sur la tombon de l' patro: li la neniajn havas».

»Kie vi ilin prenis?»

»En la ĝardeno apude».

»Tie ne prenu florojn, infanino; venu, ni reportos ilin. Hodiaŭ jam estas tro malfrue, sed se vi venus morgaŭ, vi ricevos florojn de mi por la patra tombo. Ĉu vi tion volas?»

La infanino jesigas serioze, vole remetas la florojn tien, kie ŝi ilin prenis kaj iras al la pordo elira. Apud la pordo ŝin renkontis la patrino. Ŝi senestis la malgrandulinon kaj longtempe ŝerĉis, ĝis ŝi fine ekpensis, ke ŝi eliris al la tombejo.

Rapide ili iras hejmen, ĉar la infanino nur estas malmulte vestita kaj la vespero estas malvarmeta. Irante ĉirkaŭ la unua stratangulo, ilin rekontas viro, kriante kaj ĵurante, ke la pasantoj devas iri flanken por ke li ne tuŝegu ilin. La knabineto, kiu scivole rigardis la ebrian viron, ricevas ekbaton de li, ke ŝi plorante alpendas la patrinon. Laŭpatrine ŝi ŝirmis sian infanon kaj rapidas pluen por ke ŝi ne rekoniĝu de la brutala persono. Ŝi tuj vidis kiu li estas kaj ŝi ekricevis mortsimilan timon. Hejm veninte la knabineto volas nek manĝi nek ludi. Ŝi nur volas kuŝiĝi en la lito, tiel ŝin timigis la malbonkora viro. Fariĝinte trankvila kaj

fininte sian vesperan preĝon, ŝi metas sian braketojn senteme je la kolo de l' patrineto kaj mallaŭte diras en ŝian orelon:

»Patrineto, ĉu ne estas bone, ke la patro dormas en la tombejo kaj ne fariĝis tiel nehoma viro, kiel tiu, kiun ni rekontis hodiaŭ vespere — — —».



Presejo de, Södertelge Tidning 1901.